

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Junio / Julio / Aŭgusto (3) 2012

# Trairejo al nova epoko

## Per novaj traireblaj vagonaroj la Hamburga metro-sistemo eniras la duan jarcenton de sia ekzisto

Fotoj kun afabla permeso de HAMBURGER HOCHBAHN AG


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

vi havas antaŭ vi la someran eldonon de nia bulteno. Pasintjare ni sukcese organizis Hamburgan Someron, por homoj survoje al la UK en Kopenhago. Sed ĉi-jare, survoje al Hanojo ni vere ne estas.
Sed la UK 2013 okazos en Rejkjaviko, do eble venontjare, kiam okazos internaciaj ekspozicioj pri arkitekturo kaj ĝardena kulturado en Hamburg, ni povus aranĝi de nove Hamburgan Someron.
Mi ĵus revenis de la *Komuna Dana-Germana-Pola Esperanto-Kongreso* en Berlin. Tie mi renkontis malnovajn amikojn kaj konatiĝis kun novaj. Ĉiam estas belega travivaĵo, viziti kongreson kun partoprenantoj el multaj landoj.
Bonvolu legi pli pri la kongreso en *Berlin* en artikolo sur sekvontaj paĝoj de nia bulteno.
Ni el Hamburg la 1an de Septembro volas vojaĝi al *Bad Zwischenahn*, kie ni renkontiĝos kun esperantistoj el la regiono ĉirkaŭ la malsupra Visurgo kaj Bremen.
Pri la programo de tiu ekskurso vi trovos artikolon sur la sekvontaj paĝoj.
Mi deziras al vi agrablan someron.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

KULTUR LADEN ST.GEORG e.V.

**Alexanderstr. 16
20099 Hamburg**

## Sentenco

Multaj Germanoj kondutas kiel instruistoj, kiuj daŭre korektas – aŭ kiel prokuroroj.

Roman Herzog

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2012: 15-08-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2012: 15-10-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2013: 15-01-13**







**Metroaj trajnoj 1912 kaj 2012** Fotoj: Vikipedio kaj Hochbahn

La metroo en Hamburg estis konstruita antaŭ tiuj de aliaj urboj en Germanio; nur en Berlin ĝi jam pli frue estis konstruita. La unuaj trajnoj estis mallongaj, la dua generacio jam antaŭ la dua mondmilito similis al la modernaj trajnoj.
En tiu ĉi jaro en la hamburgaj metrooj komenciĝas nova epoko. Novaj trajnoj por la linio ***U3*** havos trajnojn, kie eblos trairi de unu vagono al la alia. Tio donos pli da komforto al la vojaĝantoj kaj ankaŭ pli da sekureco, ĉar ne plu povos okazi, ke iu ne povas fuĝi de agresanto en la vagono.
La plej malnovaj trajnoj, kiuj ankoraŭ estas uzataj en la normala trafiko estas de la tipo ***DT 2*** kaj ***DT 3***.
La vagonoj de ***DT 3*** nur estas 2,48 metrojn larĝaj kaj pro tio nur eblas havi du plus unu seĝojn en unu vico, kaj ne du plus du kiel en la tipo ***DT4*** kun larĝeco de 2,58m.
Sed ***DT4*** (kun ok vagonoj) estas tro longa (120,56 m) por la malnovaj stacioj de la linio ***U3***.
La nova tipo ***DT5*** (kun 9 vagonoj) ne estas pli longa (118,68 m) ol la malnovaj kajoj. Krome la vagonoj eĉ estas 2,60 m larĝaj, do eblas enkonstrui du plus du seĝojn en unu vico – por 33,3 % pli da pasaĝeroj.
Kvankam la nova ***DT 5*** estas same rapida kiel ***DT3***, ĝi veturas malpli laŭte kaj krome ŝparas energion.
La nova ***DT5*** estis konstruita de *Alstom LHB / Bombardier* en *Salzgitter*. Post kelkaj monatoj de testveturado, ankoraŭ en tiu ĉi jaro komenciĝos la regula cirkulado de la unuaj sep trajnoj de la nova tipo.

*Laŭ komunikoj de Hamburger Hochbahn esperantigita de Benno Klehr*




**La plej nova trajno „DT 5“**

# 01.09.2012: Bad Zwischenahn
## Renkontiĝo kun Grupo *Malsupra Visurgo*
## Programo de la ekskurso:

8:50 renkontiĝo antaŭ Reisezentrum en ĉefstacio
11:44 alveno en Bad Zwischenahn:
Promenado kaj vizito de plenaera muzea ensemblo
13:00 transveturo de la lago per ŝipo
14:00 - 16:00 manĝado kaj vizitado de fiŝkaptisto Rabben: Angil- kaj fiŝfumaĵado per malnovega metodo
16:22 buse reen al Bad Zwischenahn:
Vizito de la preĝejo kaj la simbolo de Bad Zwischenahn "la siluro"
17:45 reveturo
20:23 alveno en Hamburgo
Kosto por HES-membroj € 9,– .
La trinkaĵojn kaj manĝaĵojn pagos ĉiu mem.

Bonvolu aliĝi ĝis la 12a de Aŭgusto 2012
dum klubvespero aŭ ĉe
Kerstin Baasch rete Kerstin.Baasch@web.de
aŭ 0160 3 46 22 45

| Tellergerichte | Preis |
|---|---|
| Räucherfischteller: 4 Sorten Räucherfisch mit Krabben & Bratkartoffeln | 12,50 |
| Egal: Fischfilet, Matjes, Bismarck, Krabben... mit Bratkartoffeln & Sommersalat | 10,50 |
| Forellenfiletteller: Zwei geräucherte Forellenfilet & Bratkartoffen | 8,50 € |
| Matjesteller: Holländische Matjes, Aalrauchmatjes, Bratkartoffeln, Sommersalat & Hausfrauensoße | 8,50 € |
| Rabben's Brathering: Sauer eingelegter Brathering mit Bratkartoffeln & Sommersalat | 7,50 € |
| Bratwurst: Leckere Wurst mit Bratkartoffeln + Sommersalat & Senf | 6,50 € |
| Frikadelle: Rabben's Fischfrikadelle hergestellt aus Edelfisch mit Kartoffelsalat & Sommersalat | 5,50 € |




**Ĉe fiŝkaptisto Rabben** Foto: A. Geveke

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg • 19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

Ĵaŭde de 18.30 h ĝis 19.30 h **Paroliga Rondeto:** praktikado kaj ekzercado de la lingvo

## Junio

**2** *Karin Bouchain* invitas nin al vegana **varma- malvarma antaŭ-tagmanĝo** al sia loĝejo en Krupunder.

**7** Diskussionsrunde:
Mittel- und langfristige Zukunft des Vereins (Diskutrondo pri la mez- kaj longtempa estonteco de HES)

**14** **Gramatika Somero (GraSo)**
laŭ „ABC-mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko" de Ch. De Vleminck kaj E. Van Damme. *Benno Klehr*: Participoj 1

**21** **Het vergeten Land van Moresnet**
La belga televidfilmo el la jaro 1991 pri la Esperantolando „Neŭtral Moresnet". Enloĝantoj raportas pri la tempo, kiam oni tie parolis Esperanton. Filmo en la nederlanda lingvo, parte en la franca, la germana kaj en Esperanto (tiam kun nederlandaj subtitoloj). (48 min.)

**27** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**28** *Gerald Roemer:*
**Bicikle tra la nordo de Ŝlesvig-Holstinio suden** (Vojaĝraporto)

## Julio

**5** **Gramatika Somero (GraSo)**
*Benno Klehr*: Participoj 2

**12** **GraSo** Korelativoj 1

**19** **GraSo** Korelativoj 2

**25** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**26** **Gramatika Somero (GraSo)**
*Benno Klehr:* Kondicionalo

## Aŭgusto

**2** Diskussionsrunde:
Mittel- und langfristige Zukunft des Vereins

**9** *Ralph Glomp*:
**Kuniganta paroliga Rondo 2**

**16** Diskutado pri artikoloj el la gazeto
***Le Monde diplomatique***
- Survoje al lingva kapitalismo
- Kiam vortoj valoras oron
- Kian kontrolon por la egalrajta komerco?
- Generacio sen estonteco

**23** *Jürgen Wulff:*
**INSTAGRAM** - la internacia lingvo de la fotoj

**29** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**30** Filmo: **Sen limoj kun novaj ebloj**
Pri la aliĝo de Hungara Respubliko al Eŭropa Unio. 25 minutoj kun posta diskutado.

## Septembro

**1** (Sabato)
**Ekskurso al Bad Zwischenahn**
**8.[50]** Renkontiĝo en Hauptbahnhof
(Bonvolu legi artikolon)

**12** *Ralph Glomp:* **Falsaj amikoj**
(eraroj pro simileco de vortoj)

# Hamburg-Enigmo



## Kie en Hamburg troviĝas la apuda kastelo?

(Ĝi estas kopio de turinga mezepoka burgo...)

Foto: Hans Wolters

# Mezepoka sigelilo revenis



Mezepoka Hamburga sigelilo el bronzo troviĝis en la listo de aŭkciotaj objektoj en Kolonjo. Temas pri sigelilo, kiu estis uzata por urbaj dokumentoj inter 1300 kaj 1811.

Hamburgaj entreprenoj donacis al la urbo € 450.000 por reaĉeti la sigelilon, kiu malaperis en la ĥaoso post la dua mondmilito. La unuan fojon ĝi aperis en aŭkcio en 1986, sed tiam la urbo ne sukcesis aĉeti tiun gravan historiaĵon.

Foto: Wikicommons

# Profesorino prelegis

La 19an kaj la 20an de Aprilo *Sabine Fiedler* el Leipzig estis gasto de Hamburga Esperanto-Societo. Dum la Ĵaŭda vespero ŝi prezentis en germanlingva prelego la influon de la angla lingvo al la ĉiutaga germana. Pli ol 20 vizitantoj aŭskultis tiun interesan altkvalitan multmedian prezentaĵon.



Foto: Privat

Post la prelego la klubanoj povis resti kun ŝi en la kafejo de *Kulturladen* por havi agrablan babiladon kaj diskutadon kun la gasto.

Vendredon matene *Hannelore* kaj *Benno* renkontis ŝin en la hotelo kaj prezentis la urbon.

La Vendreda prelego de *Sabine Fiedler* temis pri la frazeologio de Esperanto. La aŭskultantoj povis aŭdi kaj vidi ekzemplojn, kiel en la diversaj lingvoj ekzistas similaj manieroj esprimi certajn ideojn. La kluba biblioteko donace ricevis la libron Ilustrita frazeologio, kiun ŝi verkis kune kun la ĉeĥa desegnisto *Pavel Rak*.

Ankaŭ la vendreda vespero finiĝis en agrabla rondo en la kulturbutiko.

# Komuna Dana-Germana-Pola Esperanto-Kongreso

## 25a ĝis 28a de Majo 2012 en Berlin

teksto kaj fotoj: B.Klehr

De la 25a ĝis la 28a de Majo 2012 en Berlin renkontiĝis 255 personoj el ok landoj dum la komuna kongreso. Multaj ĉeestantoj ne povis kompreni, ke ne troviĝis listo de partoprenentoj kun plenaj nomoj kaj adresoj, sed nur la individuaj nomoj kaj kaŝitaj familiaj nomoj kiel ekzemple ***Z***f*** por Zamenhof. Tio okazis laŭ tute novaj leĝoj pri la protekto de personaj datumoj.

La kongresejo por la taga programo estis kvartala socikultura centro *Orangerie*, en kiu ekzistas sufiĉe multaj kunvenejoj. La domo ankaŭ havas bufedon, kie oni povas aĉeti trinkaĵojn kaj manĝaĵojn. Tamen jam la unuan tagon montriĝis, ke la plej granda salono en *Orangerio* estis iom malgranda por la inaŭguro, kaj mankis mikrofono. Sed la voĉo de Martin Haase estas sufiĉe forta por fari kompreneblan kaj bonkvalitan prelegon pri **Partneroj en Eŭropo**.



La granda salono por la vesperaj programoj Ĵaŭdon kaj Dimanĉon, la aŭlo de la *Max-Taut-Lernejo*, estis vere juvelo inter la kongressalonoj. En la aŭlo okazis teatraĵoj kaj diversaj koncertoj laŭ diversaj stiloj.

Kantis *Kim Hendriksen* el Danio, *Georgo Handzlik* el Pollando kaj *Stefo (Stephan Schneider)* el Germanio. Stefo prezentis tute novajn mem verkitajn tekstojn. En la aŭlo ni ankaŭ povis bone aŭdi la prezentantojn, ĉar ekzistis mikrofonoj. Por la korpa bonfarto zorgis *Martin Sawitzki*, kiu dum la tuta vespero ofertis trinkaĵojn kaj bulkojn kun kolbaso aŭ fromaĝo.



Okazis tre interesaj ekskursoj, interalie al Spre-arbaro kun barkovojaĝo tra pitoreska vilaĝo Lehde (sorabe *Lědy*) sur multaj insuletoj en interna delto de *Spreo*. (Foto →)



La solenan fermon gvidis *Rudolf Fischer* sola, ĉar la Dana kaj la Pola prezidantoj jam estis forvojaĝintaj. Li dankis al la LKK sub gvido de *Henryk Wenzel* kaj *Felix Zesch*, kaj deziris ĝis revidon en la venonta kongreso en Nürnberg.

# Plilongigo de S-metro-linio ĝis Kaltenkirchen

Estas planite, ŝanĝi la dizelan *AKN*-linion de *Hamburg-Eidelstedt* al *Kaltenkirchen* (Ŝlesvig-Holstinio) en elektran S-metroon. Same kiel inter *Hamburg-Harburg* kaj *Stade* (Malsupra Saksio) estu uzataj du-sistemaj trajnoj, kiuj en Hamburg uzas elektran relon flanke kaj supran pantografan kontakton ekster la urbo (pro samnivelaj trairejoj); konstrui pontojn kaj tunelojn fariĝus tro multekosta. Estas planita plilongigo je 21 km kun novaj, pli longaj kaj altaj kajoj.
La konstruado supozeble kostos 50 milionojn da Eŭroj, de kiuj 60% estos pagitaj de la Germana Federacio kaj la reston dividos inter si Hamburg Kaj Ŝlesvig-Holstinio, kiel posedantoj.
Per tiu ligo de la norda regiono al la urba trafiksistemo oni supozas ebligi duobligon de la nombro de vojaĝantoj, kiuj sen ŝanĝi povos dum mallonga tempo atingi la centron de Hamburg, aŭ eĉ daŭrigi en la sama trajno ĝis Bergedorf kaj Reinbek (Ŝlesvig-Holstinio) en la orienta regiono. La trajnoj jam nun frekventas en 20 minuta distanco sur la tuta vojo.
La fervojo *AKN* ĉiukaze devos aĉeti novajn trajnojn por pliaj 50 milionoj, ĉar la uzataj jam aĝas tridek jarojn. Oni supozas, ke la unuaj trajnoj povos uzi la novan linion ekde 2018.

# Germana Luterana Eklezia Kunveno Hamburg 1a ĝis 5a de Majo 2013.

La kristana ligo *KELI* dum tiu kunveno havos Esperanto-informstandon. *Hedwig Fischer*, nova vicprezidantino de *KELI* en Germanio, petis la Hamburganojn, helpi al ŝi organizi tion. Kelkaj Hamburganoj tuj estis pretaj helpi. Pastro *Wolfram Rohloff* el *Zöblitz*, prezidanto de la Germana KELI, ne povis veni al Berlin, li momente preparas la *Kristanan Esperanto-Kongreson*, kiu okazos de la 29a de Julio ĝis la 5a de Aŭgusto 2012 en lia hejmurbo en *Ercmontaro*.
Rete ĉe: KELI

---

# Ankoraŭ eblas aliĝi:

2012-12-27 .. 2013-01-03 (ĵaŭdo ĝis ĵaŭdo)
**11-a Novjara Renkontiĝo** (NR) en Xanten
(inter Nijmegen kaj Essen/Ruhr, Germanio)

Samtempe okazos junulara renkontiĝo:
2012-12-27 .. 2013-01-03 (ĵaŭdo ĝis ĵaŭdo)
**4-a Novjara Internacia Semajno** (NIS)
por junuloj kaj junaj plenkreskuloj en Xanten

Rete ĉe: esperantoland

# Solvo de Hamburg-Enigmo

La foto montras la solan burgon en Hamburg, Burg Henneberg, kiu estis konstruita 1887 de *Albert Henneberg*, mastro de la bieno Poppenbüttel apud Alster ĉe *Marienhof*. Ĝi estas kopio en la skalo 1:4 de la *Burgo Henneberg* apud *Meiningen* en *Turingio*, kiu apartenis al la grafoj *de Henneberg*.
La mezepoka *Burgo Henneberg* el la jaro 1096 estis detruita en 1525. La kopio en Hamburg servis kiel kunvenejo kaj arkivo de la bieno Marienhof. La aliaj konstruaĵoj de la bieno ne plu ekzistas.
Se vi volas aĉeti ĝin, vi nur bezonas 535.000,00 €.



**Vintre en Hamburg**

Fotoj supre: Uwe H.
sube: Vikipedio



La ruinoj en Turingio



# Ĉe-Ellen-ir-tago fariĝis Kun-Werner-ir-tago

Granda surprizo estis por ni, ke al la kluba kafotrinkado venis *Werner Bormann*, kiu dum du jaroj pro korpaj malhelpoj ne povis veni.
Laŭ nia programo devus okazi komuna kaftrinkado en la *kulturbutiko*, sed neniu antaŭe organizis tion. Ŝajnas, ke niaj membroj atendas, ke la estraro ion faru.
En la 1960aj jaroj *Ellen Eggers* dum la ĉielira tago invitis al sia hejmo kaj pro tio *Thomas Bormann* kreis la nomon ***Ĉe-Ellen-ir-tago***. Post kiam ni havis nian propran domon, *Elsbeth Wielgus* organizis la feston.
Ek de 2009 *Ralph Glomp* organizis la feston en la kulturbutiko aŭ en kafejo en parko.
Ĉi-jare ni nur renkontiĝis en la kulturbutiko kaj de tie promenis al proksima kafejo. Supozeble pro la malbona vetero por promeni nur venis malmultaj.
Tamen, *Hannelore*, *Jutta* kaj *Benno* kune kun *Werner* promenis al *Viena Kafejo* ĉe *Steindamm*.
Ni ĝuis bonegan kafon kaj ekscelentajn aŭstrajn bakaĵojn. Werner memoris, ke li lastfoje manĝis tian tipe aŭstran krespon kun abrikota marmelado dum kongreso en Beogrado 1973.
Post unu kaj duona horoj kun agrabla babilado ni pagis kaj akompanis *Werner* kun lia rulapogilo al mendita taksio, kaj ankaŭ ni aliaj iris hejmen.



**Hannelore ordigas prospektojn** Foto: Klehr

## Eŭropa Tago en Norderstedt

La 6an de Majo 2012 okazis internacia festo en la *Kulturwerk*, kie prezentis sin homoj el diversaj landoj, kiuj vivas en *Norderstedt* (norde de Hamburg).
Same kiel pasintjare ankaŭ Hamburga Esperanto-Societo ĉi-jare partoprenis per informstando. Ni prezentis la eblecojn lerni Esperanton perrete aŭ en nia klubo.
*Hannelore, Kerstin* kaj *Benno* ĉeestis inter la 10a kaj 14a horoj, *Peggy* ne povis veni.
Ni parolis kun multaj homoj kaj ankaŭ re-renkontis la aktivulojn de aliaj grupoj de *Rusoj, Kroatoj, Hungaroj, Turkoj, Francoj* kaj *Eŭropo-Unio*. Ĉeestis ankaŭ la Eŭropa parlamentanino de *Norderstedt*.

# Japana Ĉerizflora Festo

Ĉi-jare de nove okazis la ĉerizflora festo en Hamburg. La 17an de Majo la Japanoj, kiuj loĝas kaj laboras en Hamburg okazigis ĉerizfloran feston en la urbo. Pasintjare ĝi ne okazis pro la cunamo kaj la atom-akcidento de Fukuŝima. En tiu ĉi jaro la ĝenerala konsulo *Setsuo Kosaka* de Japanio dankis al la Hamburganoj pro la helpo, kiun donis la urbo.



# Internacia Ĝardena Ekspozicio IGS 2013

La parkoj de la ekspozicio prezentas parkojn **ĉirkaŭ la mondo tra 80 ĝardenoj**.

La floraro kaj plantaro „Aŭstralio“ estos unu el kvin ĝardenaj kontinentoj. La kontinentoj estas dividitaj per



bedoj de bluaj iridoj kaj geranioj, kiuj estas transireblaj sur lignaj pontoj.
Plej multajn el la staŭdoj sur la tereno jam estis plantitaj pasintjare, 90 procentoj de la IGS-plantoj jam estas en la tero. Nun nur plu oni plantas en tiuj areoj, kiuj ankoraŭ ne estis pretaj.
La kontinento „Aŭstralio“ simbole prezentu la „Outback“-sovaĝejon en Aŭstralio. La ĝardena Aŭstralio prezentos ruĝan teron.
Tamen Eŭropaj marĉo-gresoj kaj kano-plantoj prezentos



Aŭstralian plantomondon laŭ propra stilo.
Sur la kontinento „Afriko“ kreskas glediĉioj. La pintaj folioj kaj la fazeolformaj fruktoj memorigas pri arboj en la savano. Ankaŭ la kontinento „Azio“ estos vidindaĵo: Tie la ĝardenistoj plantis grandegajn kornusojn (Cornus controversa). Pro la grandaj folioj ili formas bildon de la vegetaraĵo en Tajlando aŭ Mianmaro.
Per la 100 hektarojn granda parkaro la Hamburga kvartalo Wilhelmsburg, sur insulo inter norda kaj suda brako de la rivero Elbe, certe fariĝos pli ŝatinda por la Hamburganoj el la urbocentro, kiuj ofte hezitas „salti“ trans la riveron.

Teksto kaj fotoj: B. Klehr